# BULTENO

DE

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

KAJ DE

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

(T. V.)

**N° 4. — Oktobro 1926.**

Tiu Bulteno estas sendata senpage al la membroj de I. S. A. E. kaj al la kunlaborantoj de la Sekcio de T. V.

**Unu numero** : *0,1 dolaro.* — **Jarabono** : *0,5 dolaro.*
(Vidu por **kotizo al I. S. A. E.** la trian paĝon de la kovrilo malsupre.)




REDAKTEJO :

S-ro ROLLET DE L'ISLE
Generala Sekretario de I. S. A. E.
**35, Rue Du Sommerard**
**PARIS, France**

ABONEJO :

S-ro C. ROUSSEAU
Kasisto de I. S. A. E.
**4, Place de la République**
**LEVALLOIS-PERRET (Seine), France**

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(FONDITA EN 1906)

## PATRONADA KOMITATO

(en formado)

APPELL, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, honora rektoro de la Pariza Universitato.

DANIEL BERTHELOT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

BIGOURDAN, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Horo.

DESLANDRES, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Astronomifizika Observatorio.

GUILLAUME, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

JANET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, direktoro de la Supera Lernejo de Elektro.

LALLEMAND, membro de la Franca Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Internacia Uniono de Geodezio kaj Geofiziko.

LUMIÈRE (LOUIS), membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

MESNAGER, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PAINLEVÉ, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

CH. RICHET, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

EMIL SETÄLÄ, membro de la Finnlanda Scienca Akademio, ministro de la eksteraj aferoj.

J. J. STIELTJES, ĝenerala inspektoro de Nederlandaj Fervojoj kaj Tramvojoj, prezidanto de la « Koninklijk Instituut van Ingenieurs ».

VIKÁR, membro de la Hungara Akademio de Sciencoj.

## ANTAŬAJ PREZIDANTOJ

GENERALO SEBERT, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

PROFESORO SCHMIDT, direktoro de la Magneta Observatorio de Potsdam.

BENOIT, direktoro de la Internacia Oficejo de Pezoj kaj Mezuriloj.

PROF. HUNTINGTON, de la Universitato de Harvard (U.S.A.).

J. J. THOMSON, profesoro de Fiziko de la Cambridge'a Universitato.

FORSTER, prezidanto de la Internacia Komitato de Pezoj kaj Mezuriloj.

COTTON, membro de la Franca Akademio de Sciencoj.

# BULTENO

DE

# Internacia Scienca Asocio Esperantista

Nº 4. — OKTOBRO 1926

## VIVO DE NIA ASOCIO

## NOMARO KAJ ADRESARO DE LA MEMBROJ

1° *Novaj membroj aliĝintaj de la 1-a de Junio ĝis la 1-a de Septembro 1926*

### Belgujo

**Kempeneers** (Paul), kuracisto, 20, rue aux Laines, Bruxelles.

### Britujo

**Beaumont** (F-ino Maggie), sekretariino, 19, Uppermount Street, Lochwood, Auddersfield.
**Blair** (F-ino Ailsa), instruistino, 74, Rohtbury Terrace, Newcastle on Tyne.
**Buchanan** (A.), inĝeniera desegnisto, 4, Craiglea Drive, Edinburgh.
**Cameron** (P. J.), registara oficisto, 69, Schubert Road, Putney London S. W. 15.
**Duncan** (D. R.), ĥemia studento, 84, Haydon Park's Road, Wimbledon, London S. W. 19.
**Hornsby** (R. W.), okulisto, 31, Kingsley Place, Newcastle.
**Ingham** (H.), instruisto de Ĥemio, 20 Abercombre 51, Chesterfield.
**Le Brun** (P.), administranto de la ĝenerala transatlantika kompanio, 4, Lloyds Avenue, London E. C. 3.
**Liston** (R. G.), inĝeniera desegnisto, ĉe Macleod, 2, Byres Rd., Glasgow-W.
**Olsvanger** (J.), doktoro, 75 Gt. Russel street, London.
S. **Relf** (E. F.), aeronaŭtika inĝeniero, 100, Broom Road, Teddington.
**Renkiĉi Kodera**, profesoro de Takaoka komerca kolegio, Japanese Embassy, 37, Portman Square, London.
**Savage** (F.), instruisto, 340, Whalley New Rd., Blackburn.
**Simpson** (R. W.), 24, Jesmond Road, Newcastle on Tyne.
**Slidders** (A. A.), notario, 10, Whitehall Street, Dundee.
**Staveley** (W. H.), muzikisto, 20, Garstang Rd., Fulwood Preston.
**Stredwick** (F-ino M.), 28, Priory Avenue, Hastings.
**Sutcliffe** (F.), fervoja komizo, 223, Prince Consort Rd., Gateshead.
D. **Thompson** (J. H.), inĝeniero, Dundee Harbour Trust, Dundee.
**Wood** (W. R.), oficisto ĉe Ministerio de Laboro, 2, Upton Vale Terrace, Torquay.

### Ĉeĥoslovakujo

**Draŝnar**, oficisto, 166, ul Deĉina, Staré Mêsto.

### Germanujo

**Stiller** (F-ino J.), sekretariino, Rigaerstrasse, Berlin.
**Walde** (G.), komercisto, Markt, 3, Waldhejmo.

### Hindujo

**Harriday** (S-ino K.), 90, Chartered Banks India, Australia & China, Bombay.

### Hungarujo

**Kökény** (Lud.), prof. kaj parlamenta stenografisto, Pongrác-uti állami lakások XIV, épület 71, Budapest.
**Bek** (Soma), doktoro, prof. de dermatologio, universitato de Pécs.
**Gorka** (Sándor), doktoro, prof. de biologio, universitato de Pécs.
**Pekár** (Mihály), doktoro, prof. de fiziologio, universitato de Pécs.

### Islando

**Pórbergur Pórdarson**, verkisto, Styrimannastig, 9, Reykjavik.

### Japanujo

**Riej Hasegaua**, juristo, ĉe Imperia Universitato, Seoul, Corée.

### Nova Zelando

**Andrew** (S.), jurnalisto, Dentigh Square, Kilding.

### Saarteritorio

**Meyer** (E.), nerva kuracisto, 9, Dudweilerstr., Saarbrücken.

### Svedujo

**Beckman** (B.), filozofia magistro, 30, Eric Duhlbergsgatan, Göteborg.
**Nordlung** (N. A.), prof. de liceo, 1, Vasagatan, Kristianstad.

2ª *Korektoj*.

### Francujo

**S-ro J. Pfanner**, nova adreso : 257, rue Solférino, Lille (Nord).

### Polujo

**S-ro E. Loth**, fariĝas subtenanto.

# UNIVERSALA KONGRESO DE EDINBURGO

(AŬGUSTO 1926)

## ĜENERALA KUNSIDO DE I. S. A. E.

Prezidas *Prof. O. Bujwid,* prezidanto de la Asocio. Ĉeestas 16 membroj.

1. — S-ro *Lechmere-Oertel,* delegito por Britujo, plenumante funkciojn de sekretario, legas leteron de S-ro *Rollet de l'Isle,* ĝenerala sekretario, per kiu li sendas salutojn kaj esprimas bedaŭron, ke la cirkonstancoj ne permesas lin kaj S-ron *Rousseau,* sekretarion-kasiston, ĉeesti la kunsidon. D-ro *Dietterle,* komitatano, ankaŭ skribis samteme.

2. — Kopioj de Bulteno N-o 3, datumita julio 1926, estas disdonataj; ĝi entenas: (1) *Raporton pri la vivo kaj agado de la Asocio dum 1925-26;* (2) *Raporton pri financa stato de la Asocio.*

3. — Oni legas Raporton de S-ro *Rollet de l'Isle,* direktoro de la Sekcio por ellaborado de la *Teknikaj Vortaroj,* kiun li adresas al la Prezidanto de la Akademio pri la progresado de tiu verko. La kunsido opinias ĝin tre kontentiga kaj rekomendas ĝian tutan publikigadon en la venonta numero de la Bulteno, por ke oni povu ĝin konsideri detale, kion oni ne povas fari dum la kunsido, pro manko da tempo. Estas diskuto nur pri la klasifiko de la sciencoj kaj teknikoj; post klarigo de la sistemo, oni aprobas la proponitan ordon.

4. — La kunsido diskutas pri la *kotizo;* kaj, konstatante, ke estas multe pli utila havi grandan nombron da membroj ol pli grandajn enspezojn, oni aprobas la jaran kotizon da 2,5 dol. por subtenantaj membroj kaj 0,5 dol. por ordinaraj aktivaj membroj; tamen, por Britujo, oni akceptas kotizojn da 10 kaj 2,5 ŝilingoj, proponitajn de la delegito por Britujo.

5. — Rilate al la publikigado de *Scienca Revuo,* la kunsido opinias, ke, ĝis la Asocio fariĝos pli multenombra kaj posedos pli grandajn monrimedojn, sufiĉos laŭgrade plioftigi la eldonadon de la Bulteno kaj pliampleksigi la tekston per aldono de sciencaj sciigoj kaj artikoloj. Tamen, la ĉefa tasko de la Asocio nuntempe estu propagando en profesiaj kaj kleraj rondoj.

6. — La kunsido multe aprobas la proponon de apartaj esperantaj *resumoj* aldonataj al sciencaj publikigaĵoj laŭ la modelo de la ĵus ricevita aldono al « Gerlands Beiträge zur Geophysik » de O. Simon (Wien), kaj forte rekomendas al asocianoj subteni per abono tiajn aldonojn esperantajn en ilia fako. Kompreneble estas necese, ke la koncernaj eldonistoj aranĝu specialan vendadon de la esperantaj aldonoj.

7. — Ricevita ankaŭ estas propono de samideano *D-ro J. Hanaŭer* el Berlino pri eventuala eldono de esperantaj *fakaj revuoj* enhavantaj eltiraĵojn el ĉiuj nacilingvaj sciencaj revuoj, aranĝitajn laŭ decimala klasifikado (D. K.), elpensita de D-ro Hanaŭer. Bedaŭrinde, la ĉi-rilataj dokumentoj ricevitaj ne sufiĉe klarigas la sistemon por diskutado ĉe la kunsido. Sed la ideo ŝajnas esti bonega.

*La kunsida sekretario,*
F. O. LECHMERE-OERTEL,
*Delegito por Britujo.*

## POSTKONGRESAJ EKSKURSOJ

Preskaŭ 200 kongresanoj ĉeestis la ekskurson al la *Forth* ponto en Sabato 7-a de Aŭgusto. Oni kunvenis ĉe *Waverley* stacidomo, Edinburgo, kaj veturis vagonare tra dek-kvin kilometroj de rava pejzaĝo al la ponto. Tie *S-ro Andrew Wilson*, eminenta loka inĝeniero, en mallonga sprita parolado, klarigis la historion de la ponto kaj la kantileveran principon, laŭ kiu ĝi estas desegnita. Poste la plimulto promenadis en *Dalmeny* parko, laŭlonge de la marbordo, tra belaj arbaroj ĝis *Cramond*, kaj revenis Edinburgon omnibuse post temanĝo. Ĉiuj ĝuis la promenadon en la freŝa aero kun la vidoj de la glora ponto kaj de la bela fjordo en hela sunlumo. Inter la partoprenantoj estis la prezidanto de I. S. A. E., *Prof. Bujwid* el Krakovo (Polujo), kaj lia filino *D-ro Bujwid-Rouppert*.

En la mateno de Lundo, 9-a de Aŭgusto, je la invito de la *Haven-trusto*, aro de ĉirkaŭ kvindek kongresanoj forveturis trans la *Forth* kaj *Tay* pontoj al *Dundee*, malnova prospera havenurbo kaj la centro de la jutindustrio. La Prezidanto de la haventrusto, akompanata de la Urbestro *(Lord Provost)*, oficiale akceptis nin. Oni ekzamenis — ĉie afable

akceptate kaj kondukate — la havenon, la *Caledon* ŝipkonstruejon, kelkajn jutfabrikejojn, la *Keillen* ĉokolad- kaj marmelad- fabrikejon, kaj la presejon de la *Dundee Courier*. Sed kredeble la plej ĝuiga parto de la programo estis la ŝipveturado en *Tay* fjordo preter la malnova ponto, kiu detruiĝis en terura ventego dum vintra nokto en 1879, kiam ne nur la ponto sed ankaŭ ekspresvagonaro forbloviĝis kaj ĉiuj pasaĝeroj pereis.

Surŝipe oni aranĝis grandan festmanĝon, ĉe kiu la Prezidanto de la haventrusto esperante bonvenigis la asocianojn al *Dundee*, kaj deziris bonsukceson al Esperanto. Poste la haveninĝeniero kaj administranto *S-ro Hannay Thompson* donis detalojn pri la haveno en bonega Esperanto, kio estis des pli miriga, ĉar li nur lernis la lingvon dum la lastaj tri semajnoj speciale por nia vizito. Al li la vizito al *Dundee* ŝuldas sian bonsukceson, ĉar li ne nur aranĝis la tutan programon, sed ankaŭ preparis bonegan gvidlibron.

La sekvintan matenon la Londonon celantoj definitive forlasis Edinburgon. La dudek-kvin asocianoj, kiuj, por veturi al *Berwick*, kunvenis en la stacidomo, tre ĝojis renkonti tie Sinjorojn *Page, Warden* kaj *Harvey*, venintajn por adiaŭi *Profesoron Bujwid* kaj la aliajn membrojn de la Scienca Asocio. La lastaj interŝanĝoj de gratuloj pri la sukceso de la Dekoka kaj la lastaj adiaŭoj ankoraŭ aŭdiĝis kiam la vagonaro forveturis el la stacidomo.

La vizito al *Berwick* okazis je la invito de la *County Council* (provinca konsilantaro) por vidi la novan ponton ferbetonan (laŭ sistemo *Hennebique*) super la *Tweed* rivero, unu el la plej grandaj konstruaĵoj de tia tipo, starigita de la firmo *L. G. Monchel* kaj Kompanianoj. *S-ro T. J. Guéritte* kaj la pontinĝeniero, samideano *T. H. Bryce* klarigis la konstruaĵon, kies graciaj arkaĵoj (spanoj : 55, 66, 88 kaj 114 m.) multe imponis la vizitantojn. Ĉe la foriro oni prezentis plej artistajn bildojn de la ponto al ĉiu el la vizitantoj — multeŝatata memoraĵo !

Poste la Urbestro gastigis la asocianojn ĉe tagmanĝo en hotelo « Reĝa Blazono », kaj kore salutis ilin en *Berwick* kiel sciencistojn kaj adeptojn de Esperanto el multaj landoj. *Sir Francis Blake,* kiu ĉeestis, ankaŭ parolis favore al Esperanto, dirante ke nur pere de ĝi la homaro povos esperi

la forigon de miskompreno inter popoloj tia, kia kondukis al la mondmilito.

Posttagmeze ni — nur dek-du restis el la tuta aro — pluveturis al *Newcastle*, fama pro la karbeksporto, kiel ankaŭ pro la inĝeniera kaj ŝipkonstrua industrioj. La saman vesperon la plimulto faris ekskurson al *Whitley Bay* kaj ĝuis promenadon laŭlonge de la marbordo. Merkredon matene oni vizitis la *Elswick* fabrikejojn de *Armstrong* kaj *Whitworth*, kie oni vidis la konstruadon de ŝipoj, lokomotivoj kaj militmunicioj.

Tagmeze la Lord-Urbestro *(Lord Mayor)* de *Newcastle* gastigis la asocianojn en *Mansion House*, la oficiala urbestra loĝejo. La Lord-Urbestro bonvenigis siajn gastojn kiel eminentajn pledantojn de Esperanto, la interkomprenilo destinita unuigi la tutan mondon en paco kaj frateco, kaj esprimis konvinkon, ke la Edinburga Kongreso jam faris gravan antaŭenpuŝon tiucelen. La ĉefmagistrato *(Sheriff)* de *Newcastle* ankaŭ parolis pri la utileco de Esperanto.

*Prof. Bujwid*, dankante pro la bonega akcepto kaj gastigo flanke de la urbo, asertis ke la Britoj ĝis nun ĉiam gvidis kaj antaŭiris la mondon en paca kaj utila laboro, kiel nun pri Esperanto. Li rakontis, ke jam de sia ekalveno en Britujon, li ĉiam admiradis la grandajn verkojn ĉiuspecajn plenumitajn de la Britoj ĉie videblajn ĉirkaŭe, la bonkoran britan gastamecon kaj la ĉarmon de la virinoj de ĉi tiu lando. Iomete ŝanĝante la latinan frazon laŭ esperanta formo li dirus : — « Ni venis, ni vidis, ni venkiĝis ! »

Respondante toaston al la virinoj, proponitan de *S-ro Lechmere-Oertel*, *Doktorino Bujwid-Rouppert* diris, ke ŝi povus nur esprimi sian profundan senton de dankeco pro la glora akcepto kaj gastigo en ĉi tiu urbo, dirante al la gastigantoj en pola maniero : « Mi amas vin ! »

*D-ro Hasegaŭa* (Tokio) ankaŭ respondis dankante kaj menciis, ke la nomo de *Newcastle* estas bone konata en Japanujo pro la militŝipoj konstruitaj antaŭ la milito sur la bordoj de la *Tyne* rivero por la japana militŝiparo.

La Scienca Asocio ŝuldas ankaŭ multan dankon al *S-ro A. R. Fairbairn*, sekretario de la Norda Federacio Esperantista, kiu faris la lokajn aranĝojn, tradukis tiel lerte la paroladojn kaj kondukis la asocianojn tra la malnova urbo.

Antaŭ la forveturo, en la stacidomon alvenis ankoraŭ plua amikaĵo de la Lord-Urbestro en formo de belega ilustrita *« Souvenir » libro de Newcastle*, prezentita al ĉiuj asocianoj, kun la nomoj manskribitaj de la Lord-Urbestro kaj la Ĉefmagistrato, inda memoraĵo de memorinda tago.

Ĉe la disiĝo en Londono, en *Kings Cross* stacidomo, ĉiuj esprimis sian grandan ĝuadon de la tri gloraj tagoj en *Dundee, Berwick* kaj *Newcastle*, kaj ekvokis adiaŭante : — « Ĝis revido en *Danzig !* ».

F. O. Lechmere-Oertel,
*Delegito por Britujo.*

Je la nomo de la Asocio, la ĝenerala sekretario sendis dankajn leterojn al la eminentaj personoj, kiuj bonvolis gastigi la membrojn dum la postkongresaj ekskursoj, kaj kies nomoj troviĝas en la Raporto de nia delegito, nome :

The Secretary, Sir W. G. Armstrong Whitworth & C° Ltd ; The Rt. Hon. The Lord Mayor ; Sir Francis Blake, Chairman of the Northumberland Country Council ĉe *Newcastle on Tyne.*

Alderman Alex Darling, Mayor of *Berwick-on-Tweed.*

T. Garland Esqu. Works manager, Messrs. James Keiller and Son Ltd ; Messrs. The Caledon Shipbuilding and Engineering Co Ltd ; D. C. Thomson Esqu. Courrier and Advertiser offices ; T. B. Taylor Esqu. J. L. Chairman Dundee Harbour Trust ; J. Hannay Thompson Esqu. General manager and Engineer, Dundee Harbour Trust ; Messrs. Jute Industries Ltd. ĉe *Dundee.*

---

Nia prezidanto **Prof. O. Bujwid** sciigis nin, ke li volonte plenumos la taskon de nacia delegito por Polujo, anstataŭ *S-ro Loth*, kies eksiĝon ni sciigis en nia lasta numero. Ni, kun granda ĝojo, akceptis proponon de nia prezidanto ; ni ne povus deziri pli taŭgan delegiton.

Kun granda plezuro ni ankaŭ sciigas, ke nia kolego **S-ro P-o Enrique Legrand,** 140, Larranago, Montevideo, bonvolis akcepti delegitecon por Urugvajo.

Nia brita delegito, **S-ro Lechmere-Oertel,** foriros al Hindujo la 1-an de Oktobro kaj revenos nur je la fino de Majo 1927. Ni bedaŭras perdi dum tiu tempo la multvaloran helpon de nia kolego ; sed, feliĉe, nia nova kolego **S-ro Relf,** aeronaŭtika inĝeniero, okupata ĉe la *« National Physical Laboratory »* en *Teddington,* bonvolas lin anstataŭi dum lia foresto. Ni des pli multe ŝatas tiun decidon de *S-ro Relf*, ke estas dezirinde vigligi nian agadon en la aeronaŭtikaj rondoj.

## PROGRESOJ

La Londona Oficejo de la franca **Ĝenerala Transatlantika Kompanio** publikigis reklamilan broŝureton pri la linio inter Plymouth kaj Nov-Yorko, esperante redaktitan. Tre interesa estas tiu fakto, ĉar ĝi montras, ke la maristoj komencas kompreni la gravecon de la servoj, kiujn Esperanto povas alporti al ili en tiu momento, kiam la ŝipoj dank' al T. S. F. kapablas parole interkomunikadi kun aliaj ŝipoj kaj postenoj de la plej diversaj landoj — kaj plej diversaj lingvoj.

Dum monato de Junio reaperis en Wien (Aŭstrujo) fama revuo « **Gerlands Beiträge zur Geophysik** » ; tiu internacia publikigaĵo komencis en la jaro 1887 kaj estis interrompita en 1918. Ĝi havas famajn kunlaborantojn el ĉiuj landoj, kaj estas redaktata en franca, angla kaj germana lingvoj. Nun ĝia ĉefredaktoro, *Prof. D-ro V. Conrad, Mariahilferstr. 91, Wien VI,* decidis provi aldonon esperante redaktatan, kiu entenos resumojn de la entenataj artikoloj de ĉiu kajero. Tamen li daŭrigos tiun aldonon nur se ĝi fariĝos ekonomie memstara.

Ni insiste petas ĉiujn membrojn de nia Asocio subteni tiun entreprenon rimarkinde utilan por la propagando en niaj medioj, abonante tiun aldonon. La prezo estas 2 Rm. germ. po volumo (ĉirkaŭ unu volumo po jare).

Se ili tion ne povas fari, ili petu S-ron Conrad pri sendado de kelkaj ekzempleroj de tiu aldono, kiun ili povos efike uzadi kiel propagandilojn en siaj rondoj.

# SEKCIO DE TEKNIKAJ VORTAROJ

## Raporto al la Akademio de la Direktoro de la Sekcio por ellaborado de la Teknikaj Vortaroj

Ni opinias, ke estas interese rememorigi en kelkaj linioj la diversajn provojn faritajn por starigi la teknikajn vortarojn, ĉar el tiu studo oni povas eltiri utilajn konkludojn.

**1904.** — En la antaŭdiro de la unua numero de *Scienca Revuo*, S-ro *Fruictier*, ĉefredaktoro, diris, ke la celo de tiu publikigaĵo estas provi la kreadon, per uzado, de teknikaj vortoj ; li aldonis : « De tio ni ricevos multon da novaj vortoj « ne nur teoriaj, sed praktike uzitaj, elpruvitaj ; el ili eminenta « specialistaro iom post iom tiros la definitivan metode verk- « itan vortaron ». Je la fino de la oka kajero, estis publikigita *Tabelo da 5.000 vortoj*, kune kun ilia traduko en franca, angla kaj ofte germana lingvoj. Bedaŭrinde, tiu laboro ne estis daŭrigata, ĉar S-ro *Fruictier* forlasis la redaktadon de *Scienca Revuo* en la jaro 1907.

**1907.** — S-ro *de Saussure* prenis sur sin la redaktadon kaj publikigadon de *Scienca Revuo*, kiu fariĝis oficiala organo de la nove fondita *Internacia Scienca Asocio Esperantista*. « Parto de la Revuo, li klarigis, estos dediĉ- « ata por la diskutoj rilataj al la teknikaj terminaroj kaj al « la vortaroj proponitaj de privatuloj aŭ grupoj ».

En la numero de Oktobro de tiu jaro, estis presata *Gvidplano por la praktika farado per Esperanto de multlingvaj profesiaj vortaroj*, proponita de la *Franca Medicina Esperanta Grupo*, laŭ la metodo uzita de S-ro *Rousseau*, por starigi la *Farmakologian Deklingvan Vortaron* ĵus publikigitan en lia libro : *Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio*.

**1908.** — S-ro *de Saussure* fondis en Ĝenevo *Sciencan Oficejon* difinitan, kiel oficialan sidejon de *I. S. A. E.* ; li konigis, ke tiu Oficejo de nun estis komenconta okupiĝi pri la teknikaj vortaroj. « Ĝi tute ne intencas mem starigi tiujn « vortarojn, sed starigos planon de laboro aranĝatan laŭ tia « maniero, ke ĉiu ano de la *Scienca Revuo* povos labori « sendepende de la aliaj kaj sendi sian laboron al la Oficejo, « kun la certeco, ke ĝi estos uzata por la ĝenerala teknika « vortarego ».

Tiu plano konsistis apartigi ĉiujn homajn konojn laŭ cent fakoj respondantaj al tiuj de la Bibliografia Klasigado decimala de la *Internacia Instituto Bibliografia en Bruxelles*. Ĉiu esperantisto, kiu deziris kunlaboradi, bezonis nur elekti unu el tiuj fakoj, fari tabelon plimalpli senmankan de la vortoj de tiu fako, kaj sendi ĝin, kune kun la tradukoj en kiel eble plej multaj naciaj lingvoj, al la S. O. Plie naciaj sekcioj devis serĉadi, en ĉiuj jam publikigitaj verkoj, la teknikajn vortojn kaj sendi ilin al S. O. kune kun naci-lingvaj tradukoj, se eble. La Oficejo estis enskribonta la vortojn sur apartaj slipoj, kaj klasifikonta ilin laŭfake en specialaj mebloj kaj tirkestoj.

Ĉiujare devis esti publikigata la listo de la ricevitaj vortoj, sendotaj por ekzameno kaj elekto al kelkaj taŭge elektitaj fakistoj. Tiu metodo estis vaste aplikata, kaj fondiĝis naciaj sekcioj (franca, angla, germana, itala), kiuj sendis multajn vortojn ; specialaj slipoj kun presita tabelo estis metitaj je la dispono de la kunlaborantoj.

**1909.** — Bedaŭrinde, en 1909, S-ro *de Saussure*, sciigis, ke pro manko de tempo kaj ankaŭ de mona garantio, estis neeble eldoni la unuan liston de la teknikaj vortoj, kaj li nur sendis al la membroj de I. S. A. E. ekzemplerojn de la listo aperinta en 1904 en *Scienca Revuo*. Plie li proponis novan metodon de laborado : la fakoj estos nur dek ; la vortoj estos elektitaj antaŭ la publikigado.

Estos kreataj : 1e *Akademia Komisiono*, kies tasko estos zorge ekzameni la jam ekzistantajn vortojn kaj oficialigi tiujn, kiuj ne plu estos kritikeblaj ; 2e *Teknika Komisiono*, kies tasko estos proponi vortojn elektitajn laŭ difinitaj reguloj, aŭ almenaŭ starigi ĝeneralajn regulojn por la vortfarado, kaj doni konsilojn al la vortfaristoj. S-ro *de Saussure*, jam elektita de la Akademio, kiel direktanto de la Sekcio por la teknika vortaro, estos direktoro de la Akademia Komisiono, kaj S-ro *Rollet de l'Isle*, direktoro de la Teknika Komisiono. Tiuj proponoj estis akceptataj de la Akademio.

**1910.** — S-ro *Rollet de l'Isle* organizis la Teknikan Komisionon en Parizo, kaj tiu Komisiono redaktis *Konsilaron por la farado de la teknikaj vortoj*, kiu estis publikigata en *Scienca Revuo*, dum la jaro 1910.

Poste, tiu Komisiono komencis laboradi pri la vortaro de la puraj sciencoj, kaj publikigis en *Scienca Gazeto*, kiu en la jaro 1912 anstataŭis la Sciencan Revuon, la *Ĥemian Nomenklaturon*, kaj parton de la vortaroj de *Ĥemio, Fiziko* kaj *Meĥaniko*.

Tiu laboro estis interrompata pro la milito.

**1920.** — D-ro *Corret* estis elektata de la Akademio, kiel direktoro de la *Sekcio por la Scienca kaj Teknika vortaro*, kaj proponis la sekvantan metodon : dek ĝeneralaj fakoj estos starigataj, kiuj povos laŭbezone kaj laŭ la laboro de la kunlaborantoj enteni plimalpli grandan nombron da subfakoj ; ĉiu fako estos direktata de fakestro ; la subfakestroj korespondos kun la responda fakestro, kaj tiuj lastaj kun la Akademia direktoro.

D-ro *Corret* proponis, kiel eble plej taŭgan metodon : « speciale verki en ĉiu fako, elementajn kaj poste pli detalajn « lernolibrojn. Oni ĉerpu pri tio la tradukan materialon el « la naciaj teknikaj vortaroj, kaj el la provaj vortaroj jam « eldonitaj en Esperanto ». D-ro *Corret* kunigis kvindekkvin samideanojn, kiuj proponis kunlaboradi, kaj li apartigis ilin laŭ kvardek fakoj aŭ subfakoj.

**1922.** — D-ro *Corret*, pro troa okupiteco, ne povante daŭrigi la estradon de la Akademia Sekcio, la Akademio elektis *S-ron Rollet de l'Isle*, kiel direktoron de *Sekcio komisiita por ellaboradi la sciencajn kaj teknikajn vortarojn* ; tiu sekcio ricevos kunlaboradon kaj helpon de la *Scienca Asocio*, kaj proponos, por aprobo, al la Akademio, la vortojn, kiujn ĝi opinios elektindaj.

S-ro *Rollet de l'Isle*, per tri cirkuleroj, proponis labormetodon similan je tiu de D-ro *Corret* : unue trovi fakestrojn por ĉiu aparta fako ; konigi nomojn de bonvolaj kunlaborantoj al ĉiu fakestro ; alcentrigi la faritajn verkojn ; zorgi pri ilia publikigado ; unuvorte, ordigi, kiel eble plej multe tiun vastegan laboron.

Jam estas kunigataj pli ol cent kunlaborantoj, kaj deksep fakoj havas fakestron, nome : *Medicino, Vitraĵoj, Kudromaŝinoj, Meblofabrikado, Fervojoj, T. S. F., Geologio, Zoologio, Dogano, Abelkulturo, Muzikaj instrumentoj, Librotenado, Filatelio, Banko, Komerco ĝenerala,*

*Stenografio, Skribmaŝinoj, Filozofio, Aeronaŭtiko, Kartografio, Juro, Desegno, Botaniko.*

Sed la plej grava demando estas trovi rimedojn por publikigi tiujn vortarojn ; ĉar oni ne povas esperi, ke malavaraj amikoj de Esperanto oferos la grandan monsumon necesan por tiu publikigado, la sola solvo de tiu problemo konsistas aranĝi tiujn vortarojn tiamaniere, ke ilia publikigado estu entreprenata de eldonisto, kaj, por tio, ke ĝi povu esperigi profitojn.

Por atingi tiun rezultaton estas necese, ke tiuj vortaroj povu esti uzataj de neesperantistoj, kiel nacilingvaj vortaroj ; por tion efektivigi oni kompletigos la formon proponitan en la unua cirkulero de S-ro *Rollet de l'Isle* por la teoriaj fakoj, per nacilingvaj vortaroj, kiuj estos traduko de la esperanta vortaro.

Laŭ tiu aranĝo, internacia vortaro konsistos el aro da tiuj nacilingvaj — kaj esperanta — vortaroj, kiujn oni nomos *leksikonoj*. Ĉiu leksikono konsistas el du partoj ; la unua estas klariganta teksto, entenanta ĉiujn teknikajn vortojn de la fako kaj aranĝata kvazaŭ instrua metodo ; ĉiu vorto havas ordan numeron. La dua parto entenas du tabelojn : la unua estas alfabeta tabelo de la vortoj ; ĉiu el ili estas sekvata de sia orda numero en la teksto ; la dua estas laŭnumera tabelo de la vortoj.

Tiu aranĝo havigas al neesperantistoj pliajn aliajn profitojn — malkarecon, facilajn eldonojn, laŭvolan kompletigadon per nelimigebla nombro da lingvoj, k. t. p. — kiuj donas al ĝi nediskuteblan superecon sur la ĝis nun publikigitaj internaciaj vortaroj, kaj, pro tio, povus allogi praktikeman eldoniston. Fakte, pariza eldonisto, S-ro *Chiron* (40, rue de Seine), kiu aliflanke montris jam malavaran simpation al Esperanto, konsentis publikigi ĉiujn teknikajn vortarojn laŭ tiu formo difinita per la titolo : *Kolekto de internaciaj vortaroj konsistantaj el aro de leksikonoj en naciaj lingvoj kaj Esperanto.*

Sed tial, ke de nun ni posedas tiun eblecon starigi teknikan terminaron en lingvo, kie ĝis nun ĝi ne ekzistas (nova kaj ĝis nun ne renkontita situacio), ni devas zorge atenti pri la ordo, laŭ kiu devas esti plenumata tiu vasta laboro.

Unue, oni nedubeble devas labori super la puraj sciencoj kaj nur poste okupiĝi pri la teknikaj profesioj kaj metioj, ĉar ĉiuj el ili estas aplikado de la sciencoj kaj, pro tio, uzas plimalpli multenombrajn sciencajn terminojn.

Due, oni devas ordigi la verkon tiamaniere, ke, en la vortaro de iu scienco, ne troviĝu terminoj apartenantaj al alia scienco, kies vortaro ne jam estas antaŭe verkita. Tiu kondiĉo trudas, ke oni ordigu la sciencojn laŭ kelkaj grupoj kaj, en ĉiu grupo, laŭ difinita ordo, kiun ni donas sube. Oni tiamaniere klasifikas la sciencojn laŭ *terminologia* ordo, kio ĝis nun ne estis farita.

En ĉiu grupo, oni ankaŭ enmetos la teknikojn, kiuj estas aplikadoj de la sciencoj de tiu grupo.

Bedaŭrinde, la rapida disvastiĝado de Esperanto necesigas pli kaj pli urĝe finposedi la terminojn rilatajn al la plej uzataj sciencoj kaj teknikoj; ankaŭ oni devas utiligi la bonvolemon de la Esperantistoj, kiuj proponis sin por verki specialajn vortarojn.

El tio rezultas, ke la laboro nun komencita devas esti daŭrigata laŭ la metodoj klarigataj en la cirkuleroj; sed, por la teknikoj, kiuj tion ebligas, redaktata laŭ la formo, kiun ni ĵus montris kaj kiu certigas ilian publikigadon.

Kaj samtempe la laŭsistema laborado, kies programon ni ĵus starigis, devas esti entreprenata kaj efektivigata tiel rapide, kiel ebligos la nombro de la kunlaborantoj.

Pri la nuna stato de la publikigado de la vortaroj aranĝataj, kiel ni supre klarigis, ni povas sciigi, ke la vortaro de *Aeronaŭtiko* estas komencata kun la kunlaborado de la *Internacia Federacio Aeronaŭtika*, kaj ke la franca teksto de la vortaro de *Radiotekniko* estas redaktita. Ni intencas poste publikigi *Sciencan vortaron de la aplikataj sciencoj*; ĝi entenos la sciencajn terminojn, kiuj troviĝas en la vortaroj de la industriaj teknikoj kaj plej ofte estas komunaj je kelkaj el ili (tiu vortaro anstataŭos la vortaron de la elementaj partoj de tiuj sciencoj anoncita en la *Bulteno* n° 1). Ni poste zorgos pri la teknikoj, kiuj transformas la energion, t. e. la maŝinojn, k. t. p.

## Klasifiko de la Sciencoj kaj Teknikoj laŭ terminologia ordo

La ordo estas tia, ke iu scienco aŭ tekniko, se ĝi entenas terminojn de iu alia, devas troviĝi sur la listo post tiu alia. Tiu listo entenas ne ĉiujn sciencojn kaj teknikojn, sed nur sufiĉe grandan nombron da ili, por ke oni facile enkonduku la mankantajn.

1e MATEMATIKAJ SCIENCOJ.

Aritmetiko. — Algebro. — Analitiko. — Geometrio. — Matematikaj meĥaniko, astronomio, geografio.

2e MATERIAJ (AŬ DE LA MATERIO) SCIENCOJ KAJ TEKNIKOJ.

*Sciencoj.* — Fiziko. — Ĥemio. — Tera fiziko. — Eksperimenta meĥaniko. — Fizikaj astronomio, geografio. — Mineralogio.

*Teknikoj.* — Industrioj de eltirado (minoj). — Industrioj de transportado kaj interkomunikado (fervojoj, navigacio, telegrafio). — Industrioj de transformado (metalurgio, ĥemiaj industrioj). — Industrioj de konstruado (pontoj, vojoj).

Komerco

Artoj (Muziko, Pentrado, Skulptado, Arkitekturo, Fotografado).

3e NATURAJ (AŬ DE LA NATURO) SCIENCOJ KAJ TEKNIKOJ.

*Sciencoj.* — Biologio (Antropologio, Zoologio, Botaniko). — Geologio.

*Teknikoj.* — Agrikulturo. — Medicino. — Ĥirurgio. — Sporto.

4e MORALAJ (AŬ DE LA PENSO) SCIENCOJ KAJ TEKNIKOJ.

*Sciencoj.* — Filozofio. — Moralo. — Psikologio. — Teologio. — Metafiziko.

*Teknikoj.* — Religio. — Literaturo. — Teatro.

5e SOCIAJ (AŬ DE LA HOMARO) SCIENCOJ KAJ TEKNIKOJ.

*Sciencoj.* — Juro. — Politiko. — Ekonomio. — Pedagogio. — Militscienco.

*Teknikoj.* — Administrado. — Instruado.

## Nuna stato de la laboroj pri la Teknikaj Vortaroj

Komence de Majo 1926, la Direktoro skribis al la Fakestroj por ke ili sciigu lin pri la nuna stato de ilia laborado, ĉar li devas prezenti pri tiu demando Raporton al la Akademio en la Universala Kongreso de Edinburgo.

Jen la ricevitaj respondoj :

*D-ro Briquet* sciigas, ke la *Teknika Medicina Vortaro* estas finskribita, sed enhavas multe da korektoj kaj strekoj, tiel ke ĝi estas nepre nete rekopiota ; aliparte, ĉar eldono de tiu ampleksa vortaro estos multekosta, kaj verŝajne malmultaj la aĉetontoj, estas prudente prokrasti tiun eldonon.

*S-ro Brunet* ĝis hodiaŭ ne sukcesis havigi al si tempon kaj precipe helpon por verki vortaron pri *kudro-maŝinoj*, kiel li volus ; tamen li preparis slipojn, kaj esperas rezultaton post kelkaj monatoj.

*S-ro Maraury* konfesas, ke, de la momento kiam li sin proponis kiel fakestron por *Dogano*, li ne multe laboris pro tio, ke li ne sukcesis trovi kunhelpantojn ; sed li jam eklaboris sole por antaŭenpuŝi la aferon.

*S-ro Kalitzke* ne havis ĝis nun tempon por dediĉi al sia fako : *muzikaj instrumentoj*.

*S-ro Carnap* sciigas, ke li ne uzis helpon de aliaj fakanoj por la *Filozofia Terminaro ;* antaŭ unu jaro li ĉesis komencitan laboron preparitan sur proksimume 1500 slipoj, kun germanlingvaj terminoj kaj klariga teksto laŭsisteme ordigita. Li proponis transdoni la fakestrecon al S-ro D-ro St. Kamaryt, kiu akceptis.

*S-ro Baart de la Faille* ĵus eklaboris pri la *Botanika Vortaro ;* nur de kelkaj semajnoj li akceptis tiun taskon kaj ni sendis al li la manuskriptojn, kiujn ni havas pri tiu fako en niaj arĥivoj.

Ni ricevis de *S-ro Balliman*, jam de longe, liston de terminoj pri *vitraĵoj kaj glacoj ;* oni povas konsideri, ke tiu verko estas finita.

*S-ro Flageul* sendis klarigan tekston pri *Stenografio*, kiun li intencas tradukigi en diversajn lingvojn.

*S-ro Williamson* tute finis la *Kartografian vortaron*, kun helpo de *S-ro Rollet de l'Isle ;* la tekstoj anglaj kaj esperantaj estas jam redaktitaj, kaj la alfabetaj tabeloj starigitaj.

*S-ro Faŭrel* ne havis tempon por efektivigi taŭgan laboron pri la *Desegna vortaro,* kies fakestro li estas de nur kelkaj monatoj.

*S-ro König Lajos* sciigas, ke la *Librotenada vortaro* estas preskaŭ finita ; li kolektis la fakterminojn el la franca, angla, germana, itala kaj hispana lingvoj kaj el la ĝisnunaj esperantaj tekstoj ; je la monato de septembro li sendos la kompletan vortaron kune kun klariga teksto.

Ni ricevis plurfoje kaj regule de *S-ro Rosher* sciigojn pri la stato de la *Fervoja terminaro ;* la 5-a volumo de Schlomann, seslingva vortaro (fervoja konstruado kaj ekspluatado), kiu entenas pli ol 5000 terminojn, estas preskaŭ plene tradukita ; lasthore *S-ro Rosher* anoncis la finlaboron de la du unuaj sekcioj de tiu volumo. Aliparte li mem publikigas provizoran terminaron en la gazeto « *Fervojisto* ».

La Societo « *Esperanto et Commerce* » aktive laboradas pri la vortaro de *Ĝenerala Komerco kaj Banko* ; ĝi nun estas redaktita laŭ la formo de vortaro kun esperantaj difinoj.

La teksto de *Aeronaŭtika terminaro* estas redaktita de *S-roj Archdeacon* kaj *Rollet de l'Isle* kaj tradukita en Esperanto de *S-ro Rousseau,* kaj en franca, hispana, itala kaj angla lingvoj de la *Internacia Aeronaŭtika Federacio :* la presado jam komenciĝis ĉe eldonisto *Chiron (Paris).*

*Radioteknika Vortaro* estas verkita de *S-ro Rollet de l'Isle* kun helpo de *S-ro Jouaust ;* ĝi nun estas transdonita al *D-ro Corret,* kiu zorgos pri la traduko en diversajn naciajn lingvojn, pere de la anoj de *Internacia Radio Asocio.*

*S-ro Scott* sciigas, ke li sendis provon de *Filatelia terminaro* al la gazeto « Heroldo » por publikigado. Tiu vortaro entenas la esperantajn terminojn kun anglaj, francaj kaj germanaj tradukoj, kaj difinoj en Esperanto.

*S-ro J. Litauer* ĝis nun nur kolektis kaj ordigis la tutan materialon jam ekzistantan pri *jura terminaro.*

Ĝis nun ne respondis al la demando de la Direktoro : *S-roj Karl Fröding* (meblofabrikado), *Obruĉev* (Geologio), *Schröder* (Zoologio), *Siegel* (abelkulturo).

ROLLET DE L'ISLE

*Junio 1926.*

Centra Presejo Esperantista (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris — Le Gérant : ROLLET DE L'ISLE.

# INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA

(I. S. A. E.)

## STATUTOJ

1. — La Asocio celas propagandi kaj apliki la internacian helplingvon Esperanto en la sciencaj kaj teknikaj rondoj kaj faciligi ĝian uzadon per ĉiuj rimedoj.

2. — Fariĝas Asocianoj la personoj akceptitaj de la Komitato.

3. — La Asocianoj konsistas el honoraj kaj aktivaj membroj. La aktivaj membroj entenas :

*a)* personojn ;

*b)* societojn kaj korporaciojn,

4. — La honoraj membroj estas elektataj de la Komitato kaj pagas neniun kotizon.

5. — Ĉiuj aktivaj membroj pagintaj la kotizon rajtas voĉdoni pri ĉiu demando.

6. — La Asocion administras Komitato konsistanta el 6—10 membroj elektitaj por du jaroj kaj anstataŭeblaj poduone ĉiudujare.

7. — La Komitato elektas estraron konsistantan el prezidanto, vic-prezidanto, ĝenerala sekretario, sekretario-kasisto.

8. — Ŝanĝoj en la statutoj povas esti decidataj nur se la du trionoj de la Asocianoj akceptas ilin per voĉdono ; sama nombro (2/3 de la Asocianoj) same estas necesa por decidi pri la finigo de la Asocio, kaj pri la uzo de la kapitalo restanta.

9. — La Asocio kuniĝas ĉiujare en ĝenerala kunsido. La decidoj alprenitaj de la ĉeestantoj estas konigataj al ĉiuj membroj ; tiuj decidoj estas aplikataj, se ne estas ricevita plimulto da kontraŭdiroj, dum la sekvantaj 3 monatoj.

### FAKAJ SEKCIOJ

10. — Se almenaŭ dek samfakistaj membroj tion proponas al la Komitato, faka sekcio povas esti fondata ; ĝia tasko estas propagandi kaj apliki Esperanton en ĝia speciala rondo.

11. — Faka sekcio povas havi estraron, regularon, bultenon kaj specialan kotizon krom tiuj de la Asocio, sed nur post aprobo de la Komitato.

12. — Faka sekcio kuniĝas almenaŭ unufojon jare.

### FINANCOJ KAJ KOTIZOJ

13. — La kotizo estas fiksita ĉiujare de la Komitato. (1)

14. — La Sekretario-kasisto prezentas ĉiujare raporton pri la financa stato de la Asocio, por aprobo de la ĝenerala kunveno.

---

(1) **Aktiva subtenanta membro** ; jara kotizo : 2,5 dolaroj ; dumviva kotizo : 40 dol.

**Aktiva membro** : jara kotizo : 0,5 dolaro ; dumviva kotizo : 10 dol.

**Societoj kaj Korporacioj** ; jara kotizo minimume 5 dol. ; 20-jara kotizo : 75 dol.

(Oni povas pagi la dumvivajn kotizojn per partaj monsumoj.)

# SCIENCAJ & TEKNIKAJ VERKOJ

| | Fr. fr. |
|---|---|
| **Vocabulaire Technique et Technologique Français-Esperanto** (Verax) | 4.— |
| **Enciklopedia Vortareto Esperanta** (Verax) | 12.— |
| **Provo de Marista Terminaro** (Rollet de l'Isle) | 2.50 |
| **Poliglota Vademecum de Internacia Farmacio** (Rousseau) | 12.— |

(Ĉe la LIBRAIRIE CENTRALE ESPÉRANTISTE, 51, rue de Clichy, Paris.)

| | |
|---|---|
| **Maŝinfaka Esperanta Vortaro prielementa** (Wüster) | —.— |
| **Enciklopedia Vortaro** *(I-a kaj II-a parto)* (Wüster) | —.— |

(Ĉe FERDINAND HIRT & SOHN, Leipzig.)

| | |
|---|---|
| **Internacia Radio Leksikono seslingva** (D-ro P. Corret) | 5.— |

(Ĉe Librejo CHIRON, 40, rue de Seine, Paris.)

| | |
|---|---|
| **Raporta Stenografio**, alfaro de la angla sistemo Pitman al Esperanto (Montagu C. Butler) | —.— |

# TEKNIKAJ REVUOJ

**Internacia Medicina Revuo**, jarabono 1 dolaro ; abonejo : D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, France.

**Internacia Radio-Revuo**, jarabono 0,5 dolaro ; abonejo : M. Chiron, éditeur, 40, rue de Seine, Paris, France.

CENTRA PRESEJO ESPERANTISTA (V. Polgar), 33, rue Lacépède, Paris.